# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

33a jaro Marto-Aprilo 1981 N-ro 2






- REGENSBURG -

ĉef-stacidomo

IFEF FISAIC

33a Kongreso
de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio
15a-21a de Majo 1981 Regensburg





179 CASTRA REGINA
1135 Ŝtona Ponto
1250 St.Petro-Katedralo

eldonkvanto ....

REGENSBURG ANTAŬ NI

Ho leganto, kiu ĵus legis la ĉi-supran titolon kaj kiu rigardis la foton de la kongresa specialkoverto, ĝoju, se vi havas la ŝanĉon veni al la ĉi-jara manifestacio de la fervojistaj esperantistoj, ploru, se la sorto tion ne permesas al vi. Ĉar tion, kion ni povis realigi el la provizo de niaj ideoj kaj laŭ la amplekso de niaj rimedoj, tion ni intencas surtabligi al vi dum tiu kongresa semajno.

Jes, unuavide la kongresprogramo aspektas kiel ni konas ĝin de jaroj kun la kutimaj laborkunsidoj, inaŭguro, fakprelego, balo ktp. Sed se vi, ĉu atendante la kongreson aŭ ne, iom pli ekzakte esploros la programerojn, vi malkovros tion kaj tion, kio en pli fruaj kongresoj ne ekzistis.

Ekzemple, kiel vi jam povis legi alialoke en Internacia Fer-

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretariejo: E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved.

Redaktoro:
Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, F-78420 Carriéres/Seine.

Bankkonto: Provinsbanken, Konto 7353-350550, DK-9800 Hjørring.
Poŝtĉekkonto: 1 25 8o 36 IFEF, Tolne station, DK 9891 Tolne.

vojisto, la kongresejo disponos pri propra sendstacio, kiun funkciigos niaj amikoj de la fervojistaj radio-amatoroj. Per ĝi ni esperas povi informi vastan rondon da homoj en ĉiuj kontinentoj pri la kongresaj faktoj kaj pri la vivo de la kongresanoj. Kaj niaj gastoj eĉ havos la eblecon ĉeesti dum la funkciado de la sendstacio.

Alia nova ideo, kiun LKK lanĉos dum la 33a, estos Literatura Konkurso. Ne ĝenerala, kiel konata el Universalaj Kongresoj, sed speciala. La kontribuaĵoj estas limigitaj je temo "fervojo". Kial, LKK demandis sin, oni ne trovu sufiĉe da kapabluloj kaj interesuloj inter la fervojistoj aŭ ekstere de ili, kiuj volonte traktus tiun temon. Ŝajnas, ke la alta nombro da ensendaĵoj pravigas nian kuraĝon.

Plua interesa programero, kiu antaŭvideble realiĝos, estos ja ne tute nova, tamen nur unufoje ĝis nun okazis: la kongresanoj, honoraj gastoj, ĵurnalistoj povos admiri la belan spektaklon de uniformigitaj gekolegoj el ĉirkaŭ 14 eŭropaj fervojoj. Certe fariĝos frandaĵo por centoj da fotoaparatoj.

En la vesperaj programoj ni klopodis trovi ion, ne tro ofte prezentita en IFEF-kongreso. Tial ni ofertos en la plej malnova preĝejo de Regensburg kant- kaj koncertvesperon sub la devizo "De l'mezepoko ĝis la nuntempo".

Alian vesperon la famkonata magiisto kun la Blua Ŝtono "Trixini" zorgos por la bonfarto de niaj kravatoj kaj plenigos kuniklostalojn. Jam nun ni antaŭvidas amuzan vesperon.

La speciala poŝtoficejo dum tri tagoj deĵoranta entute 15 horojn certe ne nur kontentigos la kongresanojn per belaj markoj kaj kompreneble speciala stampo, sed ankaŭ en kaj ekstere de la kongresloko zorgos, ke la kongreso estos diskonigata al la vasta publiko. Ĉi-rilate ankaŭ efikos informstando, kiun LKK starigos sabaton kaj lundon en la zono por piedirantoj, kaj kie buŝe kaj per flugfolioj ni informos la publikon pri la Internacia Lingvo.

Fine estu menciata io, kio kutime ne eblas dum kongresa ekskurso: Sur la danuba ŝipo, kiun ni frekventas 4 horojn, oni povos aĉeti varojn laŭ similaj kondiĉoj kiel ekz. sur la ŝipoj de la "Bird-fluglinio" inter Danio kaj Germanio, do sen impostoj.

Tiu ĉi lasta superrigardo sufiĉu por pravigi la unuan frazon.

Venu, estu niaj gastoj kaj bonsentu en la 33a.

LKK Regensburg

# 33a KONGRESO DE LA INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO (IFEF) EN REGENSBURG (FR Germanujo)

## 15a – 21a de Majo




Kongresadreso:
33a IFEF-kongreso, Wiener Str. 121,
D-6000 Frankfurt (M) 70
Tel (0611) 65 73 65

Kongresejo:
Kolpinghaus St. Erhard,
Adolph-Kolpingstr.1, D-8400 Regensburg

### LASTAJ INFORMOJ

**Reveturo de la kongresanoj**

Kongresanoj, kiuj intencas vojaĝi hejmen ĵaŭdon, la 21an de Majo posttagmeze, povos fini la ekskurson jam en Kelheim. Ili post la komuna tagmanĝo ili veturas proprakoste per aŭtobuso kaj fervojo al Regensburg (alveno 14.56 h). Ĉiuj aliaj partoprenos la posttagmanĝan programon kaj estos revenintaj je la 17.00 h al la kongresejo, kie tuj sekvos la fermo de la kongreso. De tie oni povas atingi ankoraŭ la trajnojn forveturontajn post la 18a horo. Piedirantoj bezonas 12-15 minutojn de la kongresejo ĝis la stacidomo. Valizoj estu deponataj matene en la hotelo aŭ stacidomo, ĉar la ekskurso komenciĝos jam je la 8.30 h.

**Rezervigo de lokoj en trajnoj**

La stacio de Regensburg rezervigas lokojn en sid-, kuŝ- kaj litvagonoj. Ĝi akceptas mendojn kaj konfirmas ilin kontraŭ samtempa pago. LKK ne povas ilin peradi. Kelkaj fervojoj disponas pri elektronikaj instalaĵoj, kiuj permesas rezervigon de lokoj de Regensburg al la hejma stacio. Bv. informi vin ĉe via fervojo.

- La **voksigno** de la kongresa radio-sendstacio estos DL O FC (ne DL D BC kiel legebla sur paĝo 4 de IF 1/1981).

- Laŭ lastaj informoj **monŝanĝo** eblos ĉiutage krom dimanĉo en la ĉefstacio Regensburg. Ĉiuj valutoj tie estos ŝanĝeblaj laŭ bezono. Tiu giĉeto estos malferma de 8.00 ĝis 18.30, sabaton ĝis 12.30 h.

- **Speciala poŝtoficejo** en la kongresejo dejoros sabaton, lundon kaj merkredon, entute 15 horojn.

- **Speciala koverto** trikolora estos havebla en la kongresejo.

LKK

EKSKURSO C al Kelheim kaj Weltenburg
Ĵaŭdon la 21an de Majo 1981

Vojaĝplano

| | |
|---|---|
| Ekveturo de Regensburg Hunnenplatz | 8.50 h |
| Alveno en Kelheim (aŭtoparkejo ŝipstacio) | 9.30 h |
| Enŝipiĝo en Danubo-ŝipo | |
| Ekveturo de la ekstra ŝipo (danubsupren) | 10.00 h |
| Dum la ŝipvojaĝo interalie videblas: preĝejo de Sankta Francisko, rondtemplo Befreiungshalle (halo de Liberigo), monaĥejeto, rokoj Petro kaj Paŭlo, kava roko, ŝtoniĝinta virgulino, tri malamikaj fratoj, longa muro, romania roko. | |
| Alveno en Weltenburg | 10.30 h |
| Promenado propravole, ebleco por viziti la monaĥejan preĝejon de la famaj arkitekturfratoj Asam. La trinkemuloj havas la eblecon viziti la restoracion de la monaĥejo por ĝui originalan monaĥejan bieron de Weltenburg. | |
| Ekveturo de Weltenburg ŝipstacio | 12.00 h |
| Alveno en Kelheim | 12.20 h |
| Tagmanĝo en la restoracio Ehrnthaller | 13.00 h |
| Ekveturo de la busoj (aŭtoparkejo ŝipstacio) | 14.30 h |
| Alveno ĉe aŭtoparkejo Befreiungshalle (Halo de Liberigo) | 14.40 h |
| Alveno ĉe la rondtemplo Befreiungshalle post promenado | 14.55 h |
| Ekveturo de aŭtoparkejo Befreiungshalle | 16.10 h |
| Alveno en Regensburg | 17.00 h |

tuj post la alveno kongresfermo en la kongresejo.

# EKZAMENO EN REGENSBURG

En la kadro de la 33a IFEF-Kongreso okazos ekzameno de la Germana Esperanto-Instituto pri lingva kapableco, kiu estis anoncita nur por germanlingvanoj. La Germana Esperanto-Instituto intertempe starigis ankaŭ unulingvan ekzamenon pri lingva kapableco nur en Esperanto. La fervojista ekzamena komisiono ofertas tiun ekzamenon al ĉiuj gepartoprenantoj de la 33a IFEF-kongreso je la jenaj provizoraj tempoj: Skriba parto lundo 18a de Majo 9.00 h, buŝa parto merkredo 20a de Majo 9.00 h. Volonte donas informojn kaj akceptas aliĝojn:

Fritz Lautenbach, Abtstor 21,
D-6400 Fulda
(deĵoradreso: Bahnhof Fulda).

| | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 | 21 | 22 | 23 | 24 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Ven 15.5 | Alveno de la kongresanoj tuttage, informejo en la staciomo (priatentu la indikilojn)<br>Ĝis 18.30 en la stacia halo ebleco por monŝanĝo<br>11a h - 12a h malfermo ekspozicio. | | | | | | | | LKK + estr. (nepublika) | Kongresa radiostacio | | | Interkona vespero | | | | |
| Sa 16.5 | ekum. diservo<br>8a h ĝis 12.30 h en la stacia halo ebleco por monŝanĝo | | Inaŭguro | | → | 30 fotografado | Terminara Komisiono<br>Hist. Kom.<br>Lingva instruado<br>urbgvidado<br>poŝtoficejo | | Fakprelega Komisiono | | Radiostacio | | Koncert- kaj Kantvespero | | | | |
| Dim 17.5 | aŭskulti la ĥoron Domspatzen | Okazo por | Kom./estr (nepublika)<br>lingva instruado | | | Ekskurso A | | | | | Radiostacio | | Regensburg Bukedo | | | | |
| Lu 18.5 | | 1a plenkunsido<br>Lingvoinstruado<br>Urbgvidado<br>poŝtoficejo | | | | | Urba akcepto (nepublika)<br>Poŝtoficejo | | Fakprelego | | Radiostacio | | | Balo | | | 1 |
| Mar 19.5 | | | Ekskurso B | | | | | | | | Radiostacio | | | libera | | | |
| Mer 20.5 | | 2a plenkunsido<br>Lingvoinstruado | | | | | Terminara Komisiono<br>IFEF-estr. Inf. pri 34a Kong. (nepublika)<br>Poŝtoficejo | | Literatura konkurso | | Radiostacio | | Magia vespero | | | | |
| Jaŭ 21.5 | Ekskurso C | | | | | | | | | Fermo<br>Radiostacio | | Komuna manĝo | | | | | |

ĉiuj kunsidoj publikaj escepte kie estas indikita "nepublika"
Valutaŝanĝo lundo ĝis ĵaŭdo en la stacia halo 8.00-18.30.

# JARRAPORTO DE LA SEKRETARIEJO PRI LA JARO 1980

Pro la ŝanĝo de sekretario en la 32a kongreso rompiĝis longjara vico de ampleksaj kaj interesaj sekretariejaj raportoj.

Nature daŭras iom, ĝis kutimo, rutino kaj intimo reestabliĝos. Tial vi trovas ĉi-tiun raporton mallonga kaj magra.

Niaj mortintoj

Ĉeĥoslovakio - Jaroslav Jestřáb
Josef Halda
Jan Mikulica
FRGermanio - D-ro Wilhelm Lang
Italio - Aristo Degli
S-ino Giuseppina Gamberini-Billi
Norvegio - Erling Audun Rygge

Membrostato

Kiel oni povas konstati laŭ la kasista raporto (IF 1/1981 pĝ 7) la membronombro en pluraj landoj draste malaltiĝis. Tion kaŭzis la kotizaltigo, kaj ofte daŭras iom ĝis alkutimiĝo al la nova situacio. Ĝojiga estas la progreso en Norvegio, Hispanio kaj Bulgario.

Honorigoj

En la kongreso de America la ĝistiamaj vicprezidanto W L van Leeuwen kaj sekretariino Elfriede Kruse estis nomumitaj Honoraj Membroj de IFEF.

Agado de la estraro

Estrarkunvenoj okazis en marto en Frankfurt (D) kaj en novembro en Næstved (DK). La nova estraro kunvenis mallonge en America (NL). Vojaĝoj de la estraranoj estis modestaj, sed okazis laŭ la eblecoj.

Laborplano

Esperanto-klarigoj aperis ankaŭ en la horaro de Norvegaj Ŝtataj Fervojoj ekde aprilo 1980.

Do laŭ nia scio troviĝas Esperanto-teksto en horaroj de jenaj landoj: Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Danlando, Hungario, Italio, Jugoslavio, Norvegio kaj Pollando = 8. Kiu estos la venonta?

Pri diversaj landaj asocioj

Ĉeĥoslovakio: La prezidanto vizitis tiean ministerion, sed ankoraŭ ekzistas certaj organizaj problemoj.

Rumanio: La komitato devis en America kun bedaŭro eksigi la ekzistantan (?) rumanan IFEF-sekcion, ĉar dum pluraj jaroj estis neniu kontakto nek kotizpagado de Rumanio.

Aranĝoj

a) 32a Kongreso de IFEF

Ĝi okazis 16a - 22a de majo en America (Nederlando) kun 290 partoprenantoj el 17 landoj. Protokolo en IF 3/1980. Elstaras pri tiu kongreso la parolo - en Esperanto - de la Ministro pri Trafiko kaj Akvostato, parolado enhavanta ne nur ordinaraĵojn.

La 32a reelektis 3 (prez J. Giessner, kas H Hauge, red Guy Delaquaize) kaj novelektis 2 estraranojn (vicprez Per Engen, sekretario E Henning Olsen).

b) 21a Internacia Skisemajno

Ĝi okazis en Plan/Val Gardena

(Italio) 26a de Januaro - 2a de Februaro 1980 kun 120 partoprenantoj el 9 landoj.

c) Fervojista Kontaktkunveno dum 65a UK

Ĝi okazis la 8an de Aŭgusto en Stokholmo kun 16 partoprenantoj el 8 landoj. Voĉlegis raporton de UEA-komitatano de IFEF, s-ro István Gulyás pri la 32a IFEF-kongreso Imre Ferenczy (Hungario), kaj prelegis la IFEF-sekretario, tuŝante i a la lingvajn problemojn de FISAIC.

Perspektivoj

La sukcesplenaj IFESoj (skisemajnoj) kun partopreno de grava kontingento de junuloj, la necesa dungado de novaj fervojistoj en pluraj landoj, la establo de radioamatora sendstacio en la kongresejo de la baldaŭa 33a kongreso de IFEF + aliaj signoj montras relative optimisman bildon de la estonto.

Sed kompreneble estas bezonataj ĉiuj laborfortoj, ĉiam kaj ĉie.

E. Henning Olsen, sekretario

-o-o-o-o-o-

# REDAKTORA RAPORTO

"Feliĉaj popoloj ne havas historion" diras franca proverbo.

Same, mi povus ankaŭ diri "Feliĉa redaktoro havas preskaŭ nenion por diri".

"Feliĉa redaktoro .."? Jes ... preskaŭ ..., ĉar mi havas ĝenerale sufiĉe da materialo por plenigi la 16-paĝan bultenon, kaj en 1980 facile ni atingis la paĝon 100.

Sed eble la legantoj de IF ne estas same "feliĉaj"? ....

Povas esti, ĉar la aspekto de nia bulteno ŝanĝiĝis inter la n-roj 2 kaj 3 de 1980 pro la litertipoj.

Kiaj danaj amikoj, kiuj zorgas pri la presado certe faris tion pro taŭgaj kaŭzoj (cefe financaj).

Mi ricevis skriban kritikon pro tiu nova aspekto kaj ... mi aŭdis kelkajn ... Bedaŭrinde, ĉar mi ne respondecas pri tio, mi ne povis esprimi respondon tiurilate.

Tute male, mi plene respondecas pri la enhavo de IF kaj do necesas mencii la faman "Libera Tribuno".

Tiu rubriko estas malfermita pordo al ĉiuj, kiuj volas libere sin esprimi pri iu ajn afero.

Sed tiu "malfermita pordo" estas ankaŭ kvazaŭ "malfermita kaptilo" por la redaktoro, ĉar, se la libere esprimita opinio ne plaĉas al iuj aliaj, estas LI, kiu ricevas la kritikon. (Tion mi spertis publike).

Oni povus longe diskuti ĉu "Libera Tribuno" devas esti vere TUTE libera aŭ ĉu ĝi devas esti antaŭe kontrolita de la respondeculo de la bulteno. Kvankam mi havas propran opinion tiurilate, mi volas eviti ĉiun

ajn polemikon, kaj pro tio mi petas tiujn, kiuj deziras sin esprimi pere de la Libera Tribuno, bonvolu kontroli ĉiujn vortojn aŭ asertojn por ne ĉagreni alian kolegon.

Sed - kiel konkludo - mi tute klare opinias, ke nia IF-bulteno ne devas esti nur administracia cirkulero, sed ĝi DEVAS esti ankaŭ ilo por ĉiuj IFEF-anoj, kiuj volas diri laŭte tion, kion ili pensas, eĉ se tio ne plaĉas al ĉiuj. Tiel estas la leĝo de la demokratio ...

Mi esperas, ke tiun jaron multajn artikolojn mi ricevos kaj ankaŭ ... "liberajn" opiniojn.

Dankon

Red

# HONORO AL JUGOSLAVA VETERANO

La IFEF prezidanto sendis jenan leteron al la jugoslava kolego Josip Zupanić, posedanto de arĝenta medalo de la FISAIC, pro lia 85a naskiĝtago (4.3.1981):

"Tre estimata amiko,

Estas por mi granda ĝojo, ke mi havas la taskon kaj okazon, skribi al vi tiun leteron. Ĝi venas pro evento, kiu en nia internacia federacio vere ne estas ĉiutagaĵo. Permesu do, ke nome de la IFEF-estraro kaj de la tuta membraro de IFEF mi gratulas al vi kiel nia plej aĝa aktivulo je via 85a naskiĝtago. Kaj ankaŭ mi persone alkroĉas koran manpremon.

Studante la malnovajn revuojn el la dudekaj jaroj, mi jam trovis vian nomon inter tiamaj funkciuloj, kaj mi nur povas admiri, ke dum tiom da jardekoj vi ne nur restis fidela al nia afero, sed ankaŭ sindone ofertis vian aktivan kunlaboron en modela maniero. Pro tio mi tre dankas al vi nome de la federacio.

Mi kompreneble deziras al vi ankoraŭ multajn jarojn en bona sanstato, en ĝojo, kontento kaj paco. Kaj esepereble multaj el ni iam kaj ie havos okazon revidi vin.

Sincere kaj kore via Joachim Giessner, prezidanto de IFEF"

------------------

Noto de Inĝ. L. Sekereŝ

Krom tio, ke Josip Zupanić redaktas JF ekde la komenco, li intense okupiĝis pri la tradukado de internaciaj reglamentoj kaj kompilo de koncerna terminaro en Esperanta kaj kroata lingvoj. Li tradukis RIV kaj RIC sola (mi nur recenzis), kune ni tradukis CIM kaj por la IFEF en Maribor ni aperigis la jugoslavian terminareton en la jaro 1971.

Cetere, li apartenas al tiu taĉmento de iamaj fervojistoj esperantistoj (sola vivanta), kiuj dum la dudekaj jaroj gvidis la tiaman Internacian Asocion de fervojistoj esperantistoj el Jugoslavio.

Nun li estas honora membro de Fervojista Esp. Societo en Zagreb.

Laŭ mia scio, en la jaro 1966 li ricevis distingon: "Ordeno por meritoj por la popolo kun arĝenta stelo", do ŝtatan distingon. Dum la kongreso en Maribor li ricevis ankaŭ distingon de FISAIC.

L.S.

# NEKROLOGOJ

Je la 4a de marto forpasis en Amsterdam nia kolego

EGBERT DRIJFHOUT, 83 jaraĝa.

Li estis honora membro de IFEF, esperantisto jam delonge, li jam en la 30aj jaroj instruis la lingvon al Amsterdamaj fervojistoj.

Tuj post la milito li estis unu el la refondintoj de la Amsterdama Fervojista Grupo el kiu poste kreskis la landa asocio FERN. En la jaro 1948a li estis inter la fondintoj de IFEF, en kies estraro li fariĝis dua sekretario. Dum dek jaroj li apartenis al la IFEF-estraro.

Aktiva li restis ankoraŭ dum multaj jaroj en Amsterdam.

Famkonataj estis la promenadoj tra la historia urbo gvidataj de li, en kiuj partoprenis multaj en- kaj eksterlandaj esperantistoj.

Dum la kremacia solenaĵo reprezentis IFEFon la prezidanto de FERN, honormembro de IFEF kgo J J Labordus.

Ni esprimis niajn funebrajn kunsentojn al sinjorino Drijfhout kaj familianoj.

IFEF

FRGermanio

La 3-an de Februaro 1981 mortis, post longa malsano, nia longjara fidela kolego kaj amiko ANTON WEBER, lokomotivisto.

Kolego Anton Weber lernis Esperanton jam 1946 aŭtodidakte en Wasserburg, kie li deĵoris. Li fariĝis membro de GEFA kaj IFEF tuj post la fondiĝo de tiuj organizoj kaj ne mankis en IFEF-kongresoj kaj GEFA-jarkunvenoj, se la deĵoraj devoj aŭ lia sanstato tion permesis.

Ni ne forgesas nian fidelan amikon, kaj al liaj familianoj ni esprimas nian kondolencon.

Liaj munkenaj geamikoj

Aldone ni devas informi, bedaŭrinde kun longa malfruiĝo, pri la morto de nia kolego WERNER STURM, en la monato Majo 1980.

La informo atingis nin monatojn post lia forpaso, kaj la familio ne respondis al pluraj leteroj.

Kolego Sturm estis multjara membro en niaj asocioj kaj dum pluraj jaroj ankaŭ distrikta komisiito de distrikto Munkeno.
Ni konservu lin en nia memoro.

Al la familioj de niaj GEFA-kolegoj ni sendas niajn plej sincerajn kondolencojn.

IFEF

# LIBERA TRIBUNO

"ATAKO KONTRAŬ IFEF-ANOJ!"

Ne estas mia intenco protesti kontraŭ la konstato de la verkinto de tiusenca artikolo. Eble li partoprenis aŭ rimarkis tion nur en America kaj pro tio trafis lia juĝo hazarde nin IFEF-anojn. Mi ne partoprenis la cititan kongreson, sed mi konstatis, ke ankaŭ dum aliaj kunvenoj, kongresoj aŭ konferencoj oni pli kaj pli "krokodilas".

Ĉu nur pro manko de lingvoscio? Ŝajnas, ke la problemo estas pli ampleksa. Suspekteble ankaŭ la kontaktemo en niaj rondoj pli kaj pli "malvarmiĝas". Pripensendaj estas ankaŭ la financaj aspektoj, kiuj malebligas kongresan partoprenon de "ĝenerala esperantisto". Nia anaro, precipe la junularo, evidente ne estas riĉegulo] kaj se ne eblas oferti prezindajn internaciajn aranĝojn, kial do oni lernu Esperanton? Ĉu nur idealisme? Dum diversaj entreprenoj ofertas pli allogajn aranĝojn. Sendube intensaj internaciaj kontaktoj povas realiĝi nur per uzado de komuna lingvo.

Kaj jen plia grava manko en nia movado. Multaj grupoj ne disponas pri taŭga instruisto, kaj precipe izoluloj ne havas eblecon studi Esperanton sufiĉe perfekte.

Konsiderante tiujn faktojn AFEF (Aŭstria Fervojista Esperanto-Federacio) organizis konforman aranĝon kaj kore invitas ĉiujn interesulojn, komencantojn kaj progresintojn al

INTERNACIA FERIADA ESPERANTO SEMINARIO

okazonta de la 3a ĝis la 10a de Majo, en St.Urban/Ossiachersee.

Kostoj: 1.200,- aŭ.ŝil. Por tutsemajna plenpensiono en 2-litaj ĉambroj de sporthejmo, kiu troviĝas ĉe la strando de la lago kaj proksime de la samnoma fervojstacio.

Lektoros: S-ro Kindler el Luksemburgo. Pli bone konata kiel: "TRIKSINI" la magiisto kun la blua ŝtono!

Aliĝilojn bonvolu direkti rekte al:

Stuppnig Martin,
Esperantostrasse 175,
A 9601 Arnoldstein,
telefono (04255) 7233.

# KALENDARO PRI LA JARKUNVENOJ

de la IFEF - sekcioj en 1981

(vidu IF 1/81 paĝo 11)

NEDERLANDO/BELGIO (FERN/BEFA)

Komuna jarkunveno la 26/27aj de Septembro 1981 en BERGEN (Nederlando).

PRI LA KUNLABORO KUN LA RADIO-AMATOROJ

En raporto de la germana sekcio de la radio-amatoroj fervojistaj (FIRAC) ni trovis jenajn interesajn alineojn:

"Niaj francaj Esperanto-amikoj en FIRAC invitis ĉiujn interesulojn en niaj vicoj al la Internaciaj Feriaj Semajnoj en Séte. Devizo: Por bone povi korespondi kaj vojaĝi, lernu 10 lingvojn aŭ Esperanton!

Séte situas okcidente de L'Camarque ĉe la Mediteraneo. En ĉe la strando situanta feria hejmo de Esperanto-societo ĉio estas preparita por belaj prezfavoraj feriaj tagoj. Antaŭtagmeze estos aranĝata Esperanto-instruado por komencantoj kaj progresintoj. Posttagmeze oni renkontiĝos sur la strando aŭ povos partopreni en ekskursoj al Montpellier, Nimes, Avignon ktp."

Estus bonege, se en multaj landaj asocioj de IFEF oni instigus kolegojn de la FIRAC partopreni en tia feria semajno en ĉarmega regiono kun alloga celo.

IFEF

---

JUGOSLAVIO (JAFE) - eksterorda kunveno en Beograd pro la statutŝanĝo de JAFE la 5an de Aprilo 1981 en Ĝenerala direkcio de JŽ strato Nemanjina 6.

---

54a SAT-kongreso de esperanto bazelo 1-8 aŭgusto 1981



En via ĉi-jara kalendaro ne forgesu noti gravan daton: 1-8 aŭgusto 1981, 54a SAT-kongreso en Bazelo. Petu informojn de la OKK:

k-ino Erna Döring, Poŝtfako 225, CH-4003 Basel (Svisio). Aliĝu kiel eble plej frue por profiti rabatitan kotizon.

---

## Gravaj enhavaĵoj



---

La redaktofino por la venonta IF estas 5.6.81.

